13-a jaro. — N-ro 10 (152) OKTOBRO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al:
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO: Fr. 20,—
EKSTERLANDE: Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1927

13a JARO N-ro 10 (152) OKTOBRO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.



## DEKLARO DE GENERALO CLASER PRI ESPERANTO

Generalo Claser, el Bruselo, kreinto de la Militista Sekcio de l'Belga Reĝa Instituto de Stenografio, organizinto de l'ekspozicio de stenografiaj dokumentoj dum la 13a internacia kongreso de stenografio, sendis al Sro Cogen la jenan ŝatindan deklaron:

(Traduko en Esperanto.) Bruselo, la 11an de Aŭgusto 1927.

Kara Sinjoro Cogen,

Mi ĉeestis kun la plej granda plezuro la Esperantan diskuton kiu estis oferata al ni, okaze de l' 13a Kongreso de Stenografio, kaj kiu, plej evidente pruvis ke personoj kiuj ne kapablus kompreni sin reciproke, pro uzado de malsimilaj lingvoj, tion kapablas kun la plej granda facileco kiam ili praktikas la helpan lingvon, io kio pruvas ties nepran utilecon.

Se la infano devus lerni nur sian gepatran lingvon kaj Esperanton, kiom da tempo ĝi tiel gajnus kaj povus uzi por akiri fortikan ĝeneralan instruon sin pli kaj pli altrudantan!

Sed mi konstatis ion pli bonan ankoraŭ: mi lernis Esperanton en 1911, sola kompreneble, kaj poste, ne havante la rimedon por ĝin praktiki, mi lasis tiun studadon. Nu! Mi absolute komprenis ĉiujn diskutojn farintajn dum la supredirita kunsido!!! Tio ŝajnas pruvi klare, ke tiu lingvo ne forgesiĝas kaj ke se oni povas ĝin praktiki tempon ĉe tempo, oni posedas en ĝi potencan armilon ĉiam pretan por funkcii.

Mi opiniis, ke estas mia devo komuniki al vi tiun rimarkon kaj tre volonte permesas al vi uzi ĝin laŭplaĉe.

Akceptu, mi petas vin, Sro Cogen, la certigon de mia tre viva kvankam nur freŝdata simpatio.

La generalo-majoro pensiita
Direktoro de l' Militista sekcio de B. R. I. S.
subskribis: L. CLASER.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — Sabaton, la 24an de Septembro la membroj de la grupo iris al S-ta Anjo, kie mitulvespermanĝo ilin kunigis. Dancado agrable finigis tiun vesperon. La 1-an de Oktobro okazis intima vespero en la kunsidejo kaj la 8an de oktobro ĝenerala kunveno de la membroj diskutis pri diversaj aferoj de propagando kaj precipe pri la organizo de la vintraj kursoj.

Jaŭdon, la 13an de Oktobro malfermiĝis la tria kurso, gvidata en flandra lingvo de Sro Hect. Vermuyten. Plena klaso da lernantoj ŝin prezentis kaj tuj komencis sian studadon.

Sabaton, la 15an Gesinjoroj A. Faes invitis la grupanojn kaj iliajn familianojn al tre interesa kaj agrabla muzikvespero en sia nova vendejo, Schoenmarkt, 16. La programo enhavis aŭdigon de fonografdiskoj en diversaj lingvoj kaj en Esperanto. Krome S-ino Lucette Faes rikoltis meritItan aplaŭdon post arta ludado sur fortepiano de «L'Impromptu» de Schubert.

ANTVERPENA KOMITATO POR INTERNACIA KOMERCA LINGVO. — Tiu komitato anoncas malfermon de nova Esperanto-kurso, kies unua leciono okazos jaŭdon la 10an de Novembro en la urba instituto Belgiëlei (Avenue de Belgique) 99. La profesoro estos Sro Morris De Ketelaere. Propagandu por tiu nova kurso,varbu lernantojn kaj informu la sekretarion de la organiza komitato: Sro G. Vermandere, 18, Vleminckxstrato, Antverpeno.

LA CENTRA ESPERANTO-KURSO funkcianta en Nederlando nun ankaŭ estas organizita en la flandra parto de Belgujo. Ĝia flandra sekretariejo estas: Rotterdamstraat, 91, Antverpeno. Multaj ĵurnaloj publikigis la anoncon de tiu kurso, al kiu, laŭ sciigoj ricevitaj, aliĝis 450 personoj el 67 komunumoj. La kurso konsistas el 26 skribaj lecionoj sen profesoro.

EN WILRYCK fondiĝis socialista grupo Esperantista «Al Unueco», la 13an de Oktobro 1927, kiu organizis kurson kun 36 lernantoj. La komitato konsistas el :Prezidanto: Sro Adr. Van Es, Krijgsbaan, Sekretariino kaj kursgvidantino: F-ino Antoinette Van Es, Kasisto: Sro Korn. Pouchet, Gekonsilantoj S-ino Aerts kaj Sro Van der Vaet.

BRUSELO. — El la Oktobro programo de la «Brusela Grupo Esp.» ni ĉerpas la jenon.

Lundon 21an: Amuza vespero: kantoj, rakontoj, dancado.

Lundon 31an: Parolado de Sro V. Hendricx pri «La blinduloj»» (kun lumbildoj).

Nova kurso: Komenciĝis sabaton 8an de Oktobro en «Institut Stégraphique), (Ecole No 13), Place Anneessens.

Esperanto ĉe Radio - Belgique. - Ĉiulunde je 22 h. 15, disaŭdigo en Esperanto de komunikajoj kun la kunlaborado de «Belga Ligo Esperantisto»; aŭskultu! skribu!! gratulu!!!

Lundon 12an de septembro la grupo estis honorata per la vizito de Dr Hazime Asada, profesoro ĉe la Universitato de Nagasaki, Japanujo. Li faris en la ĉambrego de la «Kolegio de Kuracistoj» tre interesan paroladon pri «Leĝa medecino en Japanujo»; ĉeestis multnombra aŭdantaro, inter kiuj pliaj eminentuloj, kiuj tre interesiĝis pri la vivo en Japanujo kaj pri Esperanto.

ST. NIKOLAO. — «Al Triumfo». — Ok gemembroj ĉeestis la interesplenan paroladon de nia japana samideano prof. Asada, en la Antverpena «Verda Stelo».

En nia grupo mem oni disdonis, dank' al afableco de Sro Geerinck la tre belajn zamenhofajn poŝtmarkojn, eldonitajn de Sovjetunio.

Inter radioamatoraro Sro Van Ghendt sukcesplene laboras kaj gajnis grandan intereson por nia afero. La flandra organo «Radio Gids» tre favoras Esperanton kaj estas rekomendita al ĉiuj Esperantistoj.

---

**La grupestraroj estas petataj sendi al ni sian kronikon antaŭ la lasta tago de ĉiu monato.**

---

## NIA DUA ESPERANTO-KURSO PER RADIO

Kuraĝigita de la rezulto de la kurso donita en la komenco de la jaro, «Radio - Belgique» interkonsentis kun «Belga Ligo Esperantista» pri la organizo de dua kurso, kiu ekfunkcis la 12an de Oktobro, kaj okazas ĉiuvendrede de la 18a ĝis la 18.30 h.

La profesoroj estas Sro Fernand Mathieux por la francaj lecionoj kaj Sro Willy De Schutter por la flandraj. La libro uzata estas «L'Espéranto en Dix leçons».

---

## BELGA GAZETARA STATISTIKO

Dum Septembro ni ricevis 34 artikolojn pri Esperanto el 13 gazetoj de 3 lokoj, 11 en franca kaj 23 en flandra lingvo.

Aparte notindaj estas : En «Bruxelles - Médical» No 47 Sept. ampleksa raporto de Dro Kempeneers pri la kunveno en Danzig de la «Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio» kaj bonega noto pri la vizito al Bruselo de Prof. Asada el Nagasaki; en «Le Scalpel» No 38 Sept. artikoleto pri tiu sama vizito.

Eltranĉajojn el gazetoj sendu al nia revuo kiel eble plej regule!

---

## GRATULOJ

Okaze de la naskiĝo, la 11an de Oktobro, de la Princineto Josephine-Charlotte de Belgujo, la Estraro de Belga Ligo Esperantista sendis al Princo Leopold, la feliĉa patro, jenan telegramon:

« Belga Ligo Esperantista prezentas al sia Honora Prezidanto respektplenajn gratulojn okaze naskiĝo Princino. »,
kaj ricevis jenan respondon:

« La Duko kaj la Dukino de Brabant tre kortuŝitaj pro la afabla telegramo, kiun vi sendis al ili okaze de la naskiĝo de la Princino Josephine-Charlotte,petas vin, akcepti por vi kaj por ĉiuj, kies interprentanto vi estas, iliajn sincerajn dankojn. La deĵoranta adjutanta oficiro, — Kapitano Van den Heuvel. »

---

# JACOB VAN MAERLANT

## «KAJ ĈAR MI ESTAS FLANDRANO»...

Jacob van Maerlant diras en iu verso. Vere li estis, kaj neniu verkisto nederlanda el la mezepoko skribis tiel multflanke ol li, «la patro de la «Diets-aj» (popollingvaj) poetoj ĉiuj kune», kiel posta versaĵisto el lia skolo lin nomas.

Ĉe li estas kunigitaj la tri tiamaj rangoj kaj ilia poezio. En lia verko rebrilas estiĝanta kulturo, tiu de la burĝoj, ĉiam fortiĝantaj kontraŭ nobelaro kaj ekleziularo.

Flandro estis la unua Eŭropa regiono je la nordo de la Alpoj, kie naskiĝis urboj, kaj dum la 13a jarcento ili atingis maloftan altecon je riĉeco kaj politika libereco. Estis tiam, ke Bruĝo iĝis la «reĝino de la Nordo».

La intelekta vivo ne pli longtempe restis malliberigata en kasteloj kaj abatejoj. La idealo de la burĝaro estis: vero, moraleco kaj scio — ĉar scio estas forteco! Kaj tiu idealo trovis siajn protektantojn en la naciaj poetoj, kiuj aktive kritikis la sociajn kaj moralajn malbonaĵojn. La Didaktiko fariĝis la poezio de la urboj.

Pri Jacob van Maerlant ni nur scias, ke li naskiĝis en la najbaraĵo de Brugge (± 1235) kaj ke li verŝajne loĝis unue en Damme, la havenurbo de Bruĝo. Baldaŭ li iĝis preĝej - pedelo en Maerlant sur l'insulo Voorne, sed en ± 1266 li ree transloĝis al Damme,eble post malfavoro de la pastraro, pro liaj akraj atakoj kaj «ĉar li diskonigis al la laikoj la sekretojn de la Biblio». En Damme li estis sekretario de la Skabenaro, kaj tie li mortis antaŭ la jaro 1299.

Dum lia juneco, allogis lin la kavalira literaturo kaj li skribis kelkajn romanojn laŭ franca modelo. El Francujo ja estis veninta la kavalira civilizacio. Sed kiel pliaĝulo li sincere bedaŭris, ke li tiom okupis sin pri «neniaĵoj». Ĉion kio estis franca, li konsideris tiam, kiel falsa, dum la latino, la lingvo de l'Eklezio nur estis fidinda al li. Kviete li serĉas nun nefiktivan, realan veron. Do pli morala ol poezia celo. Vera vulgarigisto, li alportas al la burĝaro la naturan historian, la politiko- kaj moraj - sciencon, la sanktan kaj mondan historion.

En «La Floro de l'naturo» (1264 - 69) Maerlant, la mezepokano, pa-

rolas pri la naturo kaj ĝiaj mirindajoj. Li pritraktas homon, bestojn, vegetaĵojn, ŝtonojn kaj metalojn, laŭ alfabeta ordo.

El tiu granda verko (16660 versoj), tradukita, sed ankaŭ kiel kutime prilaborita, laŭ la latina «De Naturis rerum» de Thomas de Cantimpré, ni prezentas ĉi tie modelon de versaĵo.

LA GAROLO.

Garrulus estas birda nomo,
Kies neston trovas l'homo
En arbusto kaj arbaro.
Kaj plejmulte el birdaro
Pepege faras ĝi da bruo.
Garrulus tial la instruo
Ĝin nomas, «geai» en Francoland'.
Ĝi kun kriado pli ol kant'
De arb'al arbo flugas, saltas,
Sur unu lok'neniam haltas.
Ĉe preterpasas je sia nest'
Hom'aŭ bird'aŭ iu best'
Tiu birdeto pri ili mokas.
Imitante aliajn birdojn ĝi vokas.
Kelkfoje ĝi agas tiel malsaĝe,
Ĉiam mokante, ke sovaĝe
La nizo subite kaptas ĝin,
Por nesingardemo trafa fin'.
Al Garrulus ofte similas
Laŭ mi, minstreloj kiuj babilas
Frue, malfrue, ĉiam ŝanĝeme,
Ŝerc - mensogante( malaaranĝeme.
Ili tial multe profitas,
Ke parodiante ili imitas
Pastrojn, virinojn, urbloĝantojn
Kavalirojn kaj servantojn.
Sed multe okazas ke kaptas la viron,
Se ne li atentas la propran diron,
La nizo infera per la ungego,
Dum la ludado de lia kantego.
Ĉar venis preskaŭ neniu kantisto
Al bona fino, malgraŭ persisto.
Tiom portas sanktecajn signojn
Kiom oni trovas nigrajn cignojn.

En «La sekreto de la sekretoj» Jacob van Maerlant donas konsilojn por bona regado, verŝajne al la juna Floris V, i. a. ne pezaj impostoj ĉiam saĝaj konsilantoj, sobra vivo, honori arton kaj sciencon, tradukita el la latina «secreta secretorum».

Li ankoraŭ skribis «La Rimbiblio» (por la laikoj) kaj la «Historia Spegulo», lian ĉefverkon, laŭ la latina de Vincent de Beauvais. Ĝi estas speco de grandega rimita kroniko, pritraktanta la mondhistorion de la kreado ĝis lia tempo. La morto malhelpis lin fini la laboron.

Pli interesa el pura poezia vidpunkto estas liaj t. n. Strofaj Poeziaĵoj per kiuj ni sciiĝas lian sendependan staton rilate al nobelaro kaj eklezio. La plej bone konataj estas la «Martin-kantoj» kaj «De la Lando trans la Maro».

La unua Martin-kanto nomiĝas «Ve Martino», laŭ la Komencvortoj. En ĝi ni havas grandan dialogon inter Jakobo, la poeto kaj lia amiko Martino pri la kredo, la malboneco de la nobeluloj, pri la rangdiferenco, kvankam ni ĉiuj devenas de Adamo, pri la demando: se la homoj estas fratoj, kial do ili recipr oke sin malestimas kaj sin murdas. Li precipe parolas pri la diversaj rangoj kaj la malfeliĉo kiu elfluas el la propreco.

En lia lasta verko «De la Lando trans la Maro» oni rimarkas kiom li estas malkvieta kaj ĉagrenata pri la estonteco de la Kristeklezio. La 12an Majo 1291, la Mahometanoj okupis Akko (St. Jean d'Acre). Maerlant tre entuziasmigata por la sanktaj krucmilitiroj alvokas per juna fajro kaj nobla indigno la okcidentajn kavalirojn por protekti la minacatan Kristanecon en versoj, kiuj trilas je emocio.

Ĉi malsupre sekvas kvin strofoj el la dek-naŭ. Ili konsistas ĉiu el 13-versoj de tre arta rimformo, kiun la tradukinto provis konservi, kiel eble plej kun la originala «mez - nederlanda» rimsono.

DE LA LANDO TRANS LA MAR'.

Kristana, kie via fid'?
Kie estas la decid'
Servi Kriston tre sincere ?
Pripensu, ĉu li en ama avid'
Sin krucumigis por vi de l'perfid'
Kaj kor - vundigis sin sufere?
Subpremata la kristanid'
De l'Sarazenoj, nun sen brid',
Ve, la land' pereas mizere!
Kie Krist 'en plenkofid'
Verŝis sangon, mankas gvid',
Kantraŭstaro, kaj mi malespere
Vidas senatenton netolere!

———

De l'Eklezio la bieno,
Hered' perdiĝis, ho malbeno!
Ne restu do senemocia!
Ŝi la patrino ,en soleno,

Vin liberigas de l'pekoĉeno
Per sankta bapt'evangelia.
La satanido, le veneno,
Superregas, ho abomeno,
Nun sole en la lando via!
Plorante krias en ĉagreno.
L'Eklezi': «Ho Krist'sen peno
Oni vin forrabis ja,
Pugna pro patria! (1)

---

Vi sopiregas dum ekscito
Envia al riĉec', medito
Pri Di' forgesas malkviete.
Li, kiu malfermis, sen hezito,
Por vi la flankon, por imito,
Nun vane «helpon» krias pete!
Ĉu koron vi havas do de granito?
Kiel okazis ke l'malbenito
Kaptis la landon, vin ankaŭ rete,
Vin provas Di'pri via merito,
En tiu de Li tolerata milito.
Kaj de l'lukso vi suĉas nesubmete
Mielajn tavolojn malaskete.

---

Ne aŭdas vi en luks-malord'
Pri Dia hont,' blasfema mord',
Kaj eĉ ne estas vi pensanta
Al mortigad 'en Akra pord' (2)
De l'Di - malamikara fort',
Di-servon tie seniganta,
Detruanta, malĝoja vort',
Monaĥejojn kaj kruela sort'
Estas popol' timeg - svenanta
Dent - ŝirita ĝis la mort'!
Kristan'batalu kun Di-agord',
Ĉielon estos vi ricevanta
De Di', la malhonoron venĝanta.

---

Al ĉas' per falk' en tiu ĉi tago,
Landestroj vi iras, sub kverko, fago!

---

(1) Batalu por via patrujo.
(2) mez - nederlanda: poort = urbo.

Ĉu vi ne aŭdas plendojn plorajn
De l'Eklezi'? Via ŝuldopago
Malkaŝe faru ĝin per ago!
Kaj kiel kristanidojn valorajn
Portu fakte, ne nur en imago,
De Dio sang - farbitajn flagon
Kaj Dian ŝildon ruĝkolorajn.
Kuraĝe de l'infera sago
Li savis, de l'senpaca vago
Nin, venkanta turmentojn dolorajn
Kaj ankaŭ niajn suferojn korajn.

———

La strofaj poeziој de Maerlant formas por ni la plej meritindan parton de nia laboro, ĉar en ili ni ofte perceptas la spiron de la beleco.

Tie ĉi ankaŭ nin trafas en la originalo jam bonsona lingvomuziko. Kaj ni ne forgesu, ke en tiu tempo la skribita lingvo ankoraŭ estis naskinĝanta. Maerlant certe forte kunhelpis al ĝia formigo per skribado pri temoj ĝis tiam neniam pritraktitaj en la popollingvo.

Maerlant estis la unua en Holando kaj Flandro kiu plilaŭtigis la voĉon por sia popolo en la propra lingvo de tiu popolo: la «Dietsa». — Li faris por la Flandranoj kaj aliaj Nederlandanoj kion refaros ses jarcentojn pli malfrue alia sud-nederlandano (3): li lernis legi sian popolon (4).

Pli ol 228.000 versojn ni posedas de Maerlant, kaj inter ili pli ol 3600 laŭ arta strofformo. Jacob van Maerlant alte superas siajn landanojn de la 13a jarcento, kaj rilate al siaj samtempuloj, la francaj kaj germanaj poetoj, li havas honorindan lokon. Nur unu poeto el liaj pli junaj samtempuloj kaj samspiritanoj ege superas lin kaj ĉiujn: la grandegulo Dante Alighieri. (5)

HECTOR VERMUYTEN.

(3) Hendrik Conscience.
(4) Dro Kalff.
(5) Dro J. Te Winkel.

## SABLEROJ

de AL. VLAHUTA.

La semanto estas momento — la semo eterneco.

———

Se vi havas malbonan sciigon portotan: iru piede!

———

La homoj povas vivi sen religio — la popoloj ne.

———

La pensoj estas la burĝonoj de la agoj.

La popolaj kantoj: mistera blovo de supera vivo, kiel vento de malproksime venanta kaj alportanta aromojn el aliaj mondoj.

---

La pensoj estas la burĝonoj de la agoj.

El la rumana lingvo: PRAHANO.

---

# CHARLES CROS kaj EDISON

## LA 50-JARA DATREVENO DE LA FONOGRAFO.

La elpensinto nerekonata, mokata dum la vivo kaj glorata fine longatempe post la morto, neniel estas estajo legenda... Pasis ĝuste 50 jaroj, de kiam Charles Cros konfidis ĉe l'Académie des Sciences, sigeltan koverton enhavantan la priskribon ĝustan kaj plenan de unu el la plej mirindaj aparatoj kiujn naskis la homa genio: «la Fonografo». Kiam la koverto estis malfermata, kaj ĝia enhavo eldonata, neniu intere esiĝis pri ĝi. Hodiaŭ, oni festas Charles Cros ĉe la Sorbonne kaj Francujo pretendas la gloron de la elpensaĵo.

Ĝi estis povinta — ĉu ne vere? — ĝin pretendi pli frue,ĵuri respekton al la elpensinto dum la vivo, disponi al li la bezonitajn spezojn por permesi al li efektivigi sian ideon kaj fabriki sian aparaton; sed ĉiu scias, ke ne estas kutime tiamaniere agi; la tradicio, en Francujo, volas ke la elpensinto spertas, se ne la persekutojn, almenaŭ la malestimon de la anaro, kaj ke oni provizu al li la justecon nur tiam kiam la fremdulo ekposedis lian ideon kaj riĉiĝis per ĝi.

Jen! kiel vi estas vidonta, la plenan historion de Charles Cros kaj de lia genia elpensaĵo.

Charles Cros estis spritulo la plej originala. Scienculo, ja, tre granda scienculo; sed kiu estis samtempe poeto, humoristo kaj mokemulo. Por ripozi post liaj laboroj sciencaj, li verkis versaĵojn kaj monologojn por Coquelin Cadet.

Nepre estis, por Charles Cros, nur bagateloj por la laksigo de la cerbo. La scienculo sin okupis pri la laboroj la plej utilaj.

En la daŭro de la juneco, li samatempe studadis la medicinon kaj la lingvojn antikvajn. Kiam 15 jarulo, li konis tiom da Sanskrito kiom maljuna Brahmo. Unu el la unuaj, li efektivigis la sintezon de la rubeno. Kun Ducos du Hauron, li konstatis la kolorfotografaĵon.

Sed ni venu al la elpenso de la fonografo. Charles Cros estis konfidanta la 30an Aprilo, 1877a, ĉe la Académie des Sciences, koverton sigelitan sub la jena titolo: «Proceso de registro kaj de reproduktado de fenomenoj perceptitaj de la aŭdado.» Ĉi-tiun koverton estis malfermata, legata ĉe publika kunveno la 3an Decembro, de la sama jaro kaj reproduktata «in extenso» en la protokolo de la citita kunveno.

La tuta elpensaĵo de la fonografo tie estis klarigita : vibra membrano, metala pinto sekvanta la ondumojn de la membrano... Aŭ, plie,

mankis al Charles Cros nur la necesa mono por fabriki la aparaton kaj ĝin prezenti, anstataŭ simplan priskribon, la elpensaĵon efektivigitan.

Ĉi-tiun kapitalon Charles Cros vane serĉis... Vane, li penis interesigi la fabrikistojn de sciencaj aparatoj por sia elpensaĵo. Nesukcesinte, li tamen deziris, kromespere, kaj por certigi al si la antaŭecon de la laboro, se okaze ia similaĵo estu provata, publikigi la priskribon de la aparato kun plenaj detaloj de ĝia funkciado. Li komisiis tiun taskon al unu el siaj amikoj, scienca pastro, l'abbé Le Blanc, scienca redaktoro de la «Semaine du Clergé». Estas en ĉi-tiu gazeto ke, la 10an Oktobro, 1877a, aperis la unua artikolo rilate al la elpensaĵo de Charles Cros, kaj ke estis presita unuafoje la nomo «fonografo», kiu devis al li esti alĵuĝata.

La elpensinto, vere, estis preferinta la titolon de «Paleofono» (voĉo estinta). Estas la abato Le Blanc kiu proponis la titolon «fonografo»; kaj fonografo ĝi restis.

Nu, post nur kvin tagoj de la malfermigo de la koverto de Charles Cros ĉe la Académie, t. e. la 8an Decembro 1877a, Thomas Edison registris patenton, plue tute krude, pri «la vibroj de timpano agante sur plumo plena je inko kaj tuŝetante senfina paperbanderolon.» Tio tute ne similis al la fonografo elpensita de Charles Cros. Sed la venontan 15an Januaro, Edison registris duan patenton, en kiu sin trovis priskribita la mekanika fonografo. La Amerikano estis havinta la tutan tempon por sin inspiri, el ambaŭ la originala memorskribo de Charles Cros, eldonita en la protokoloj de la Akademio, kaj la artikolo de la abbé Le Blanc, eldonita antaŭ tri monatoj.

Estas dirita pri ĉi tiu okazintaĵo, ke Edison estis je Charles Cros tio kio estis Marconi je Branly rilate al la efektivigo de la S. F. T. Kaj la komparo estas perfekte laŭcela. Edison, tamen, estas ricevinta sola, ĝis nun, la tutan gloron de la elpensaĵo. Sed, tiun ĉi gloron li ŝuldis pli ol ĉio je la fakto ke li ĉiam sin trovis meze de kapitalistoj, amikoj de la progreso, kiuj konfidis je lia genio, kiuj permesis al li elpreni el kofro granda, malfermita kaj sufiĉege provizita, por efektivigi ĉiujn la elpensaĵojn pri kiuj li sin okupis.

Kaj estas tio, kio ĉiam mankis al la elpensintoj francaj.

Ĉi tiu elpensaĵo estis afero tiel stranga, tiel neatendita, ke ĝi unue naskigis la publikan nekredemecon.

En Anglujo, kiam oni prezentis la unuan fonografon enportitan el Ameriko, sin trovis meze la aŭdantaro episkopo, John H. Vincent, kiu suspektante ian trompaĵon, volis li-mem fari provon. Antaŭ cilindro li enomis la plej rapide certan nombron da nomoj propraj, prenitaj el la Biblio. La aparato ilin korekte reriris; kaj la prelato konvinkiĝis:

«Mi sole en la tuta lando», li klarigis, «povas tiun nomaron elnomi tiel rapidege.»

Sed la okazintaĵo la plej humora, okazis en Parizo, je la kunveno de la Académie des Sciences kie reprezentanto de Edison prezentis fono-

grafon unuafojon. La prezidanto de la kunveno, doktoro nomita Bouril-laud, koleregis, kaj, prenante la reprezentanton ĉe la vest-kolumo, lin skuegis.

«La Akademio», li ekkriis, «ne estos la faciltrompitulo de la ĉarlatanismo de sperta ventroparolisto!»

Li tute ne konsentis serioze konsideri la elpensaĵon, ĝis post kiam oni estis petinta al li impresigi li-mem cilindron kaj ke li estis aŭdanta la aparaton ĝuste rediri la parolojn, kiujn li estis parolinta.

Tiaj estis la unuaj sinmontroj de la fonografio. Oni scias kiamezure la perfekteco de tiu aparato estas hodiaŭ atingita... Estas unu el la plej famaj elpensaĵoj de la jarcento. Francujo havas la rajton esti fiera, ke la ideo naskiĝis en cerbo franca.

ERNEST LAUT.

El «LE PATRIOTE ILLUSTRE». 5-6-27.

Esperantigis: ALBERT E. HEPTON. Del. Hull (Anglujo).

---

# KOMPAROJ

Viaj nudaj blankaj brakoj
estas palmoj varmalandaj,
kvazaŭ de ventet' skuataj
je saluto luliĝantaj.

---

Viaj manoj, delikataj
kvazaŭ tiuj de infano,
estas ĉe vizaĝo mia
du penikoj da liano.

---

Via voluptema buŝo
karminruĝa kaj velura,
ĝi alloga estas kvazaŭ
suka abrikot' matura.

---

Viaj haroj, fordonitaj
je l' kapricoj de la vento,
fluas preter viaj ŝultroj
kvazaŭ maro el arĝento.

---

Via blua okulparo,
kiu de pasio brulas,
la sekretojn plej profundajn
de l'animo respegulas.

---

Via varma, freŝa voĉo
sonas ĉe miaj oreloj,
kvazaŭ dia la muziko
de zumantaj la abeloj.

---

Via korpo estas kvazaŭ
de lilio la kaliko,
kiun pala lunobrilo
superŝutas per mistiko.

JAN VAN SCHOOR.

# DU KANTETOJ

## TRA LA STRATOJ...

Tra la stratoj kaj bulvardoj
de la urbo Antverpeno,
mi multfoje la brutaron
de ĉagrenoj miaj trenis

---

Meze de l' surdiga bruo:
tondra, raŭka jazz-bandludo,
mi timeme miajn kantojn
ludis sur paŝtistofluto.

---

## JE L' LASTA FOJ'...

Je l' lasta foj' sin kisas
la nokto kaj la ter'; —
ekkaptas min subite
premanta nun mister'.

---

La nokt' alproksimiĝas,
la nokt' sen lum', sen lim'; —
la lampon ekbriligu:
vekiĝas mia tim'.

JAN VAN SCHOOR.

---

# LA KANTETO DE LA LIRISTO

THEODOOR VAN RIJSWIJCK.

Vi, bonuloj, min aŭskultu,
Lirludist' malriĉa, mi
Nur naskiĝis por kantadi,
Estas mia sol-meti'.
Vidis mi de frua tempo
Jam forpuŝon de l'favor',
Sed la sorto ekdecidis:
Kant-pleniĝis mia kor'.

---

Ĝoje dum la infanjaroj,
Kun ludil' ĉe mia flank',
Tuŝis kordojn mi senzorge.
Kiam vundis min maldank',

Fierego min riproĉis,
Min insultis degener',
Mi agordis bruajn tonojn,
Kantis forte por la ver'.

---

Laŭte veron eksonigi
Per sincer - patruja sent'
Kvankam oni min forŝovis,
Restas cel'. Temperament'
Hipokriti ja ne povas.
Multaj vivas por la or'.
Mi posedas kantodonon,
Kaj ne logas min trezor'!

---

Mi la lipon scias mordi,
Ne riproĉas mi al sort',
Suferante pro la manko,
Pro tro peza ŝarĝo-port'.
Kiel ajn la ŝtormo ĉasas,
Mi kontente en liber',
Forvibrigas per la liro
Mian kanton en l'aer'.

---

Kun edzino, tri infanoj
Vivas mi en famili'
Tre humile kaj nur gajnas
Pene panon mi por ili.
Sed mi miajn referenojn
Ne por domo de granit'
Interŝanĝus, ĉar mi vivas
Nur por kant', ja sen profit'.

---

Kiam mi, lirist' malriĉa
Ne kantadi povos plu,
Kaj la nevoj ekaŭdigos
Miajn kantojn poste, Nu
Ili ekalfrapos glasojn
Je l'honoro de l'kantant',
Tiam en kunesto gaja,
Por la multa ĝoja kant'!

El la flandra: HECTOR VERMUYTEN.

# PRI LA MUSETOJ

Dum brilas la luno, revante
En aro jen dancas musetoj
Tre gaje en ia garbejo,
Nutraĵon multegan havante.
Dancu, musetoj, dancu,
Dum brilas aminde la luno.

Kaj strigo, en ia nuksarbo
Manĝeme rigardas la musojn:
«Jes, se mi nun agas singarde»,
Ĝi diris, «Mi ĉiujn forprenos».
Dancu, musetoj, dancu,
Dum brilas aminde la luno.

Kaŝante sin en la garbejo,
Fajrplene brilantaj l'okuloj,
Kateto spionas : «Singarde»,
«Mi ĉ ujn forprenos per salto».
Dancu, musetoj, dancu,
Dum brilas aminde la luno.

«Tuit'!» strigo kriis kontente,
«Miaŭ!» kriis kato kolere
Kaj ambaŭ nun saltas antaŭen,
Sed jam la kaptotoj forkuris!
Dancu, musetoj, dancu,
Dum brilas aminde la luno.

El «Liederen en gezangen voor groote en kleine kinderen»,
de Em. Hiel, tradukis L. COGEN.

# IOM EL LA SLOVENA HISTORIO

La Slovenoj vivis ĝis la 5a jarcento sur la Karpataj plataĵoj.

Je la fino de la 5a jarc. ili iris ĉiam pli suden kaj lokiĝis en la estintaj Aŭstriaj landoj Krain, Kärnten, Steiermark, la orienta parto de Tirol kaj Sud-orienta parto de «Niederösterreich».

Ilia ĉefokupado estis la agrikulturo.

La societa vivo estis fondita sur familikorporacioj,nomitaj «zadruga» (Genossenschaft). Ĝia estro estis ankaŭ pastro. Je la komenco nur dum

militempo poste por ĉiam la Slovenoj elektis dukon. Ceremonioj okazis sur «Gosposvetsko (Sankta Sinjorino) polje (kampo)».

Samtempe kun la Slovenoj venis super Karpatoj ankaŭ popolo «Ubri» kiu lokiĝis sur granda hungara ebenajo. Slovenoj multe suferis sub ilia superpotenco. En la 8a jarc. petis tiama slovena duko Bornt bavaran dukon Fasil II helpon. Bavaroj venkis Ubrojn, sed Slovenoj kare pagis tiun venkon: ili perdis sian nacian kaj politikan sendependecon.

Bornt sendis sian filon Gerard kun nevo Hotimir al bavara korto, kie ili ekkonis kristanan religion, kiun ili disvastigis en tuta patrolando.

En la jaro 772 okazis batalo inter Kristanoj kaj idolanoj, kiu finiĝis kun la venko de Kristanoj. Tiuj ĉi petis grekan imperiestron sendi al ili katolikajn pastrojn, kiuj scias slovenan lingvon, por atingi tiamaniere plenan religian liberecon kaj ankaŭ politikan memstaron.

La Greka imperiestro Mihael III sendis siajn fratojn Ciril kaj Metod (863) nuntempe grandaj sanktuloj tre honorataj de la slovena popolo.

Sankta Cirilo eltrovis skribon «glagolica» kaj tradukis librojn en slovena lingvo. Tiam komenciĝis slovena literatura movado. Sta Cirilo nur vivis 6 jarojn inter la Slovenoj. Post lia morto lia frato daŭrigis la komencitan laboron. Li mortis en 885.

La nuntempan serban skribon «Cirilica» eltrovis lernanto de Ciril, Klement. Li donis al ĝi la nomon «cirilica»» je honoro al lia instruisto.

Post la morto de la sanktaj fratoj la Slovenoj denove multe suferis de siaj najbaraj nacioj. Diversaj dukoj ŝanĝiĝis kaj post la batalo sur «Moravsko polje» en 1278, Otokar II estis devigita translasi slovenajn landojn al Rudolf Habsburski, kiu donis ilin al siaj filoj Albrecht kaj Rudolf. Tiel la Slovenaj landoj venis sub la habsburga krono. Tio daŭros ĝis la fino de la mondmilito.

Ljubljana. LJUDMILA JEREB.

---

# LA BONKORA LOKOMOTIVO

de Miss BRAGG. (1)

Maŝinisto devis konduki vagonaron plenan je ludiloj al la urbo kuŝanta je la alia flanko de alta monto. La viro estis gaja, pensante pri la ĝojo de l'infanoj kiam la ludilaro estos alveninta al sia loko kaj disdonita inter ili. Li kondukis sian vagonaron kun videbla plezuro.

Sed rompiĝo okazis ĉe la lokomotivo kaj la vagonaro haltis antaŭ la

---

(1) Miss Bragg estas Amerika pedagogino, kiu konigis sin en Belgujo kaj sin amigis per serio da paroladoj en la Palaco de l'Akademioj (Bruselo) pri «sanigo per edukado». Per deklamado de fabelo ŝi entuziasmigadis siajn aŭskultantojn.

komenciĝo de la montsurveturado. La viro ekmalĝojiĝis, ĉar la infanoj malhavos la tiel ege deziratan ludilaron. Baldaŭ tamen li konsoliĝis: la akcidento estis okazinta en la najbaraĵo de deponejo en kiu staris aliaj lokomotivoj. Esperplene li kuris al ĝi.

Unue li turnis sin al granda, bela, fortika lokomotivo kutimanta konduki vagonarojn kun gravaj kaj altpoziciaj personoj. Tiu juna, fortika maŝino estus facile portinta la ludilaron trans la monton.

«Fortika maŝino», diris la maŝinisto, ĉu vi volas transveturi mian vagonaron plenan je ludiloj por la infanoj de trans la monto?»

«Ĉu vi ja pensis pri la pet'! Ĉu vi ja pensis pri la pet'?» respondis kun alte levita kapo kaj antaŭenpuŝita brusto la fiera kaj pro indigno tremanta maŝino.

Nun la maŝinisto sin turnis al dua lokomotivo, kiu ordinare transportis multekostajn komercaĵojn. «Ĉu vi volas helpi min, potenca lokomotivo, por porti tiun ludilaron al la amindaj infanoj de trans la monto?»

Sed ankaŭ tiu maŝino ĵetis sian kapon sur sian nukon, faris furioze movon malantaŭen kaj kun ardaj okuloj kaj sin levante, ĝi elpuŝis: «Por kio vi min prenas? Por kio vi min prenas?»

Senespere, la bona maŝinisto klinis sian kapon kaj estis elironta la deponejon. Sed malgranda lokomotivo uzata ordinare por envicigi vagonojn estis nevole aŭdinta la interparoladon. Ĝi ankaŭ suferis pro la ideo pri la malĝojiga seniluziigo de l'infanoj atendantaj siajn ludilojn kaj kiuj, ho ve, atendus vane. Kaj ĝia bona koro igis ĝin krii al la maŝinisto: «Prenu min, prenu min; lasu min tion fari, lasu min tion fari.»

«Akceptite!» diris esper- kaj ĝojoplene la maŝinisto kaj saltis sur la dorson de la bona maŝino.

Baldaŭ la vagonoj ludilplenaj estis hokitaj al la lokomotivo kaj la gaja veturado komenciĝis.

Alta estis la monto kaj krutega la vojo kaj maljuna kaj malforta la bona maŝino!

Ĝi tusetis, penspiris kaj tiris, tiregis, sopiris, puŝiris, penadis kuraĝe, spiregis, fumblovis ĉiam antaŭen sen iu ripozo!

Kuraĝigante ĝin, la maŝinisto karese frapis ĝin sur ĝia kolo, dum li, ŝanceliĝante kaj per timesprima voĉo demandis: «Ĉu vi sukcesos? Ĉu vi supreniros la monton?»

Kaj mallonge kaj forte, fortike kaj ekscite kaj dum supernatura fortelstreĉo sonis: «Pensas mi, pensas mi! Devas ĝi! Volas mi! Volas mi!! Volas mi!!! Vidu jen mi! Vidu jen mi! Antaŭen mi flugas! Antaŭen mi flugas!! Jen ni sur la mont'! kaj supre de l'mont! kaj supre de l' mont'!! kaj supre de l'mont!!! Ni rulas al val', ni rulas al val' ; ni rulas sen pen'! Kaj jen l'infanar' kun ĝoj' sur vizaĝ'! Jam mi malrapidiĝas! Mi malrapidiĝas! Kaj baldaŭ mi ekhaltas, jen... mi... jam... sta...ras!»

«Brave» kriis la maŝinisto kaj li karesis la lokomotivon. «Mi dankas vin!»

Gojkrie la infanoj alkuris. La viro disdonis la ludilojn kaj baldaŭ la infanoj estis en plena ludado. Kiel ĝojaj, kiel feliĉaj ili estis!

Kaj kiom feliĉega sin sentis la bona viro, kiu superrigardis ĉiun tiun ĝojon kaj ĝuegis!

Sed senfine pli granda estis la ĝojo kaj la feliĉo de la lokomotiveto, kiam ĝi pensis: «Estas dank'al mi! Estas dank'al mi!»

Tradukis L. COGEN.

---

# LA KURACISTO DE KUKUNIAN

**(laŭ novelo de Roumanille, rakontis G. Van der Lijn).**

---

Li estis tre klera kuracisto, kiu multe lernis, kaj multe sciis, tamen li loĝis en la urbeto nur de du jaroj, kaj la enloĝantoj ne fidis lin. Ili ĉiam vidis lin kun libro en la mano, kaj ili pensis pri tio: «Se li tiom legas, estas ĉar li bezonas multe lerni, kaj se li bezonas ankoraŭ tiom lerni, estas ĉar li scias nenion, li do estas malklerulo!» Tiel pensis la malsaĝaj enloĝantoj de Kukunian, kaj ili ne fidis sian kuraciston.

Sed pro tio, nia kuracisto ne havis klientojn. Li fariĝis tre malriĉa, kaj li gajnis tiom malmulte da mono, ke li apenaŭ povis pagi la akvon kiun li trinkis! Tio devis nepre ĉesi.

Okazis do ke li volis unu fojon por ĉiam plibonigi sian staton, kaj por tio li kredigis al ĉiuj urbanoj ke li estis tiel pova kaj scianta ke li kapablis revigigi mortinton! Kaj la proksiman dimanĉon, ĉe la tombejo, kuniĝis granda aro da vilaĝanoj, kiuj volis vidi ĉu la kuracisto povis fari kion li promesis. Kiam eksonis la dekdua horo, la kuracisto ankaŭ alvenis al la citita loko, kaj kiam li estis meze de la popolamaso, li parolis jene:

«Karaj amikoj, mi promesis al vi revivigi mortinton, por pruvi al vi kiel ega estas mi scipovo. Tion mi tuj faros. Estas tute facile por mi kaj egale facile revivigi Paŭlon aŭ Petron. Diru do al mi kiun vi deziras ke mi revivigu. Ĉu Simonon Kabaniero, kiu mortis la lastan jaron?»

— «Pardono, Sinjoro kuracisto, tuj ekdiris la vidvino de la malfeliĉa Simono,miaj parencoj baldaŭ edzinigos min kun la granda Paskalo... nun mi jam ricevis donacojn, kaj la edziĝo estas oficiale anoncita...»

— «Mi komprenas, respondis la kuracisto; ĉu do vi akceptos ke mi revivigu Petron Du Vieux Mas?»

— «Ve! mia malfeliĉa patro, ke benita estu lia animo!» ekkriis iu en la amaso. Ne revivigu lin, Sinjoro, li tiom amis ke liaj aferoj estu bone

ordigitaj, kaj nun... kia konfuzo! Plue, se li revenus teren, ni devus pagi al li pension, kaj ni tute ne estas riĉaj!»

— «Mi konsentas, diris denove la kuracisto, tiaokoze mi revivigos iun kiun vi ĉiuj amis kiel via propra patro, kaj kiu havas nek filon nek edzinon por tedi revenante teren, mi parolas pri via bona pastro, kiu mortis antaŭ ses monatoj.»

— «Ne faru tion! tuj ekkriis kelkaj voĉoj. Certe li estis bonega ekleziulo kiun ni bedaŭros ĉiam, sed tamen, li jam estis maljuna, kiam li mortis, kaj iomete surda... kaj nun, la nova pastro estas juna, kaj aperas tiel bela kiam li predikas ĉiudimanĉe en la preĝejo!»

Kaj tiel daŭris la paroladoj. Neniun oni juĝis inda je la reviviĝo. Iu virino estis tro malafabla, kaj ŝia vidvo jam reedziĝis; alia mortis kiam ŝia edzo ĵus forlasis ŝin, kaj vivo estus vere tro dolora por ŝi. Iu viro vendis domon por dumviva rento tro kara, kaj nur dank'al sia morto la aĉetantoj povis vivi pace. Fine, la kuracisto, kiu kvazaŭ malesperis, montris malgrandan krucon el ligno, kovritan de musko, kaj funebraspektan. Ĝi estis la tombo de malgranda infaneto.

— «Tiu almenaŭ faris nenian malbonajon, diris la kuracisto, ĉiuj ĝojos certe pro la reviviĝo de tiu ĉarma kaj senkulpa infaneto. Mi ja scias, ke estas peki, redoni al li la vivon, ĉar certe li estas pli feliĉa en la ĉielo ol li estos sur la tero, kie okazos ĉio, kion vi priskribas!»

Sed nun refoje, iu virino kiu estis la patrino de la bubo, petis ne revivigi ĝin ĉar ŝi ĵus naskis alian infanon, kaj estas tro malriĉa por nutri ambaŭ.

— «Sufiĉas nun! ekkriis tiam la kuracisto. Vi ne volas ke ni faru hodiaŭ la miraklon, do, ni provos alian tagon... Atendante, mi helpos la vivantojn ne morti!» Kaj li foriris.

De tiu tago, li resanigis multe da homoj. Ĉar, diris la vilaĝanoj, se li revivigis neniun, estas tamen ne pro lia kulpo! Kaj vi povas esti certa ke de tiu momento, li havis multe da klientoj!

---

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

### REKLAMA FAKO.

Ankoraŭ nun plej granda parto de la publiko ne aŭdis eĉ la nomon ESPERANTO;

alia parto aŭ nenion scias, aŭ eraras pri ĝia signifo;

sekve vigla kaj lerta reklamado estas necesa por diskonigi. ne nur tiun nomon, sed ankaŭ ĝian signifon; por montri tiun signifon, al tiu

nomo estu kunigataj kelkaj malmultaj, sed trafaj, klarigantaj, nacilingvaj vortoj, aŭ bildo facile komprenebla de ĉiuj;

sed, ĉar ni havas preskaŭ neniun monrimedon por tiu reklamado, ni devas uzi malmultekostajn metodojn, utiligante plej bone la rimedojn, kiujn ni havas.

La plej facile uzebla estas fiksado de **glumarkoj** sur ĉiuspeca korespondaĵo (leterkovertoj, gazetkovertoj, cirkuleroj, komercaj paperoj, k. t. p.).

Por tio, glumarkoj montrantaj la frazon: «**Uzu nur Esperanton — tre facilan lingvon — por viaj internaciaj rilatoj**» estu eldonitaj en diversaj naciaj lingvoj.

**La sendanto algluu sur sia korespondaĵo unu glumarkon en sia nacia lingvo kaj alian glumarkon en la lingvo de la adresato.**

Ankaŭ estu eldonita glumarko montranta bildon, internacie kompreneblan, kiun **sendanto fiksu sur ĉiuj ŝiaj poŝtsendaĵoj, se ĝi ne havas glumarkojn en la suprediritaj nacilingvoj.**

Preferinde la nacilingvaj glumarkoj estu eldonitaj de la naciaj propagandaj societoj, kaj internacia glumarko de internacia organismo (Centra Komitato, U. E. A., k. t. p.), kiuj disvendu ilin.

Por montri eblecon realigi tiun programon, I. S. A. E. eldonis:

1) **Glumarkon montranton la frazon: «Uzu nur Esperanton, k. t. p., franclingve redaktitan.** (Sekve tiu glumarko estas fiksota sur poŝtsendaĵoj al aŭ el Francujo);

2) **Internacian glumarkon** montrantan bildon prezentantan la stelon Esperanto leviĝantan super la ruinoj de la Babel' turo.

3) **Poŝtkarton** montrantan tiun bildon.

**Prezo: Cent glumarkoj franclingvaj aŭ internaciaj, aŭ dek poŝtkartoj por unu respondkupono aŭ egalvaloro.**

**Mendoj, kune kun la mono (per poŝtaj aŭ U. E. A. respondkuponoj, francaj poŝtmarkoj aŭ bankbiletoj) estu adresataj al Sro Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommerard, Paris 5e, France. Sciigu zorge la glumarkojn deziritajn (franclingvajn aŭ internaciajn).**

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

## KONKURSO.

La «Instituto Nazionale di Tecnica Editoriale» malfermas artan kaj literaturan konkurson por la disvastigo de Esperanto en ĉiuj sociaj rondoj.

La konkurso enhavas jenajn fakojn:

1) Esperantaj reklambildoj;

2) Temoj por ilustritaj poŝtkartoj (kolorigitaj aŭ ne) pri jenaj fakoj; a) Esperanto kaj ĉiuspecaj komunikiloj (aviado, fervojo, radio, kinematografio, k. t. p.); b) Esp. kaj religioj, spiritaj movadoj, k. t. p.; c) Esp. kaj polico; d) Esp. kaj arto, scienco, literaturo; e) Esp. kaj humoro; f) Esp. kaj sporto;

3) Folkloro (moroj kaj kostumoj): fotografaĵoj, bildoj, k. t. p. kun klariga teksto;

4) Kantetoj (muzikitaj aŭ muzikeblaj);

5) Humoraĵoj (skizoj, spritaĵoj, prozo, poezio, k. t. p.);

6) Teatro kaj kinematografio: komedioj, tragedioj, k. t. p.

Premioj: unu ormedalon, tri arĝentmedalojn kaj ses aŭ pli bronzmedalojn por la plej bonaj verkoj el ĉiu fako de la konkurso.

La verkoj mem devos esti adresataj al: **Rivista Cinema-Teatro, Via Principe Amedie 165 — Roma (28) — Italia,** kaj devos alveni al tiu ĉi adreso antaŭ la 31a de Januaro 1928. Petu tie ankaŭ la regularon de la konkurso.

---

La Direkcio de la **Rivista Cinema-Teatro** (grandformata, luksa, ilustrita, internacia monata Revuo, kun itala-esperanta-franca-germana teksto) petas la tutmondajn gesamideanojn ke ili kunlaboru por la bona sukĉeso de la konkurso, disvastigante ĝin ankaŭ inter neesperantistaj artistoj; oni serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj pri arto, literaturo, teatro, kinematografio, k. t. p.

---

LA RUMANA GAZETO «DIMINEATA» el Bukureŝto publikigas la 9an de Oktobro noteton pri la aperigo en nia Aŭgusta numero de traduko de la versaĵo «Venuso kaj Madono» de la rumana poeto Mihail Eminescu.

DEZIRAS KORESP. kun samideanoj el Belgujo: Sro K. S. Bessyo: Rukit Batu Rubber Estate, Nau-Ah-Kohsi, Ltd., Batu Pabat, Johore, c/o Japanese Society (via Singapore).

KOMERCISTA ESPERANTISTA JUNULARA UNUIĜO fondiĝis en Vieno la 2an de Marto 1927. Kiu interesiĝas sin turnu al Sro Maller Theodor, Hernalser Haŭptstrasse 58-11-7, Vieno XVII (Aŭstrujo).

U. E. A. — La nova societa jaro komencias la 1an de Novembro. Por 1928 la belgaj membroj pagas jenajn favor-kotizojn: membro Fr. 16; membro-abonanto Fr. 40; membro subtenanto Fr. 175. Premioj estas donataj al la pagintoj antaŭ novjaro kaj al la varbantoj de novaj membroj. Turnu vin al la loka delegito aŭ al la ĉefdelegito: Fr .Schoofs, Antverpeno (Poŝtĉeko: 284.20).

# BIBLIOGRAFIO

ESPERANTO - LEERBOEK VOOR CURSUS, SCHOOL EN ZELFSTUDIE, door A. E. Van Bussum, 162 paĝoj 13.5 × 20 cm. Eldonis 1926. L. C. C. Malmberg, 's Hertogenbosch. Prezo: Guldeno 1.25. — La gramatika materialo estas dividita en 35 lecionoj kun ampleksaj ekzercoj. Aldono de praktikaj tekstoj kompletigas la libron, kiu estas efike uzebla en lernejoj.

SLEUTEL OP HET ESPERANTO - LEERBOEK door A. E. Van Bussum, 60 paĝoj 13.5 × 20 cm. Eldonis 1926 L. C. C. Malmberg, 's Hertogenbosch. Prezo: Guld. 0.50. — Rekomendata al la personoj kiuj senprofesore lernas Esperanton per la suprecitita lernolibro.

PILGRIMO. — Poemaro de Julio Baghy. Eldono de la Aŭtoro. Budapest 1926. 128 paĝoj 15 × 12 cm: Prezo: Pengo 1.40. Luksa eldono: pengoj 2.—. En tola bindo: pengoj 3.—. Kolekto de 42 poemoj verkitaj en plej flua Esperanto. Ree Julio Baghy donas al ni altan spiritan ĝuon. Plie li havigas al ni novan argumenton kontraŭ tiuj, kiuj pretendas, ke Esperanto ne taŭgas por la literatura verkado.

FERDINANDO VIa KAJ FARINELLI, historia novelo proze kaj verse originale verkita de Julio Mangada Rosenörn. Eldonis Hispana Esperanto - Biblioteko. Glorieta de Bilbao, 5, Madrid (Hispanujo). — 32 paĝoj 13.5 × 19.5. — Prezo: Sv. Fr. 0.70.

HELPANTA TEMARO por LERNIGI RAPIDE ESPERANTON de Julio Mangada Rosenörn. 32 paĝoj 13.5 × 19.5 cm. Eldonis la aŭtoro: Glorieta de Bilbao, 5, Madrid. Prezo: sv. Fr. 0.75. — Novaj Esperantistoj uzos kun utilo tiun ĉi libreton,kiu enhavas aron da frazoj,demandoj, respondoj, kaj tekstoj el la ĉiutaga vivo.

LEGOLIBRETO de J. Borel. — Esperanta Biblioteko Internacia No 1. — Kvara eldono. 48 paĝoj 9.5 × 14 cm. Eldonis Ellersiek kaj Borel, Berlin. 1926. Prezo: Rmk. 0.40. Tiu libreto enhavas 20 diversajn pecojn (fablojn, dialogojn, anekdotojn, rakontetojn, priskribojn, k. c.) bonege verkitajn.

LA REĜO DE LA ORA RIVERO aŭ LA NIGRAJ FRATOJ de John Ruskin. Esperanta Biblioteko Internacia No 18. Traduko de Ivy Kellerman. 40 paĝoj 9.5 × 14 cm. Eldonis 1926 Ellersiek kaj Borel, Berlin.

FAJREROJ de Adalberto Smit. Eldonis 1927. S. A. Holanda Esperanto - Oficejo, Laren (Holando). 64 paĝoj 11.5 × 15 cm. Prezo Sm. 0.50. Tiu bela prezentita libro enhavas 42 poeziaĵojn, inter kiuj kelkaj bonaj.

B. E. S.a ADRESARO de Esperantistoj el ĉiuj landoj rilate nacieco, politiko kaj religio plene neŭtrala. Jaro 1927 — 6a eldono. — 52 paĝoj 11.5 × 15 cm. Prezo: sv. Fr. 0.50. Eldonis Bohema Esperanto-Servo, Moravany, Ĉehoslovakujo.

UNIVERSALA ESPERANTISTIGILO de Dro Benson. — 4 unuaj lecionoj. — Ĉiu libreto enhavas 40 paĝojn 10.5 × 14 cm. — Eldonis Benson School of Esperanto, Inc., Newark, N. J. U. S. A. — Prezo: po Us. Dol. 0.25. — La aŭtoro celas instrui Esperanton por la «senpera» metodo kaj sen profesoro. — Ĉiu teksto estas akompanata de bildo aŭ desegno.

OFICIALA KLASIKA LIBRO DE ESPERANTO de la Esperantista Akademio. Itala, Hispana kaj Portugala partoj. 118 paĝoj 10 × 15 cm. Eldonis 1927: Esperantista Centra Librejo, Paris. Prezo: Fr. Fr. 3.60.

PRI LANDNOMOJ. — La Sistemo de Dro Zamenhof, sekvata de Rimarkoj pri la Propraj Nomoj en Esperanto kaj ilia transskribo. 16 paĝoj 10 × 15 cm. Eldonis: «Esperantista Voĉo», Jaslo (Polujo). 1927. Prezo: Sv. Fr. 0.40.

DEKOKA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO (Edinburgo, 31 Julio - 7 Aŭgusto 1926), Esperantista Dokumentaro. 88 paĝoj 16 5 × 25 cm. Eldonis 1926: Internacia Centra Komitato de la Esperanto - Movado, 12, boulevard du Théâtre, Genève (Svislando). Prezo ne citita.

NOVAJ AMAJ POEMOJ de Jaume Grau Casas, L. K., 32 paĝoj 14.4 × 21.5 cm. Eldonita 1927. Barcelona. Prezo: ne montrita. La nomo de la aŭtoro estas sufiĉe konata jam por ke ĝi estu rekomendo por la libreto mem. Ĉiu amanto de beletristiko ĝin sendube havigos al si.

ESPERANTO DURCH SPRECHEN, de Prof. Dro Göhl. 1. Teil: Einführung in Sprachlehre und Wortbildung. 84 paĝoj 12.5 × 18.5 cm. Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin. Prezo: Rmk. 1.20. Unua parto de novspeca, kompleta lernolibro por la ĉiutaga vivo. La tuta verko estos kompleta en du partoj.

KOMPLETA TRAKTADO PRI LA PREPOZICIOJ (Veraj kaj ŝajnaj) kaj pri la AKUZATIVO per ekzemploj en Esperanto, de Alberto Mair. 70 paĝoj 12 × 17 cm. Eldonis 1927. Propa Eldonejo: W. Jacobi & Sohn, Wieno IX, Althanstrasse 7-9. Prezo: ŝ. a. 1.20. — La aŭtoro kunigis 1500 ekzemplajn frazojn, precipe el la verkoj de Dro Zamenhof, Christaller, Bennemann, Kabe, Privat, Lipmann, k. t. p. por montri la ekzaktan uzon de ĉiuj propozicioj.

DAS ESPERANTO EIN KULTURFAKTOR. — Band 7. — FESTSCHRIFT anlässlich des 16. Deutschen Esperanto - Kongresses. Köln-Pasko 1927. Im Auftrage des Ortsausschusses herausgegeben van Lehrer Hans Dahmen, Horrem b/Köln. Eldonis Ellersiek & Borel, Berlin. 144 paĝoj 14.5 × 22 cm. Prezo: 2 Rmk.

ESPERANTO — 50 AUSGEWAEHLTE HANDELSBRIEFE von Pr. P. Christaller. Eldonis: Verlag von Wilhelm Violet in Stuttgart. 32 paĝoj 12 × 17.5 cm. Prezo: Rmk. 0.75. Praktika libreto por tiuj, kiuj deziras lerni la uzon de Esperanto en komerca kampo.

DER ESPERANTO - LEHRER von Hans Dahmen. Anleitung für Nichtlehrer zur Erteilung von Esperanto - Unterricht. 92 paĝoj 14.5 × 22 cm. Prezo: Rmk. 1.20. Eldonis Esperanto - Verlag, Berlin SW. 61, Wilmsstrasse 5. Detala informaro kaj konsilaro al neprofesiaj instruantoj de Esperanto. La aŭtoro pritraktas ĉiujn detalojn de la Esperanto - instruado.

HIRT'S ESPERANTO - TASCHWOERTERBUCH für den Täglichen Gebrauch. Zusammengestellt und bearbeitet von A. Degen und B. Kötz. 11-20a milo. 120 paĝoj 10.5 × 15.5 cm. Eldonis 1926: Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Poŝtvortareto Esperanto - Germana kaj Germana - Esperanto tre zorge redaktita kaj eldonita en plej praktika formato.

WOERTERBUCH ESPERANTO - DEUTSCH enthaltend sämtliche von der Esperanto — Akademie anerkannte Wortstämme sowie die gebräuchlichsten Fachausdrücke, von Dr. Emil Pfeffer. Tagblatt - Bibliothek Nr 335. Eldonis 1926: Steyermühl - Verlag. Wien. 48 paĝoj 12 × 18.5 cm. — Prezo: Rmk. 0.25.

WOERTERBUCH DEUTSCH - ESPERANTO enthaltend über 20.000 deutsche Stichwörter nebst 30.000 Esperanto - Uebersetzungen. Von Dr Emil Pfeffer. Tagblatt - Bibliothek Nr 385/388. Eldonis 1926: Steyermühl - Verlag. Wien. 184 paĝoj 12 × 18.5 cm. Prezo: Rmk. 1.—.

La du supreciitaj vortaroj, eldonitaj de la granda Steyermühl - eldonejo en Vieno, sendube multege helpos por popularigi nian lingvon en la germanlingvaj landoj. La du libroj estas bonege kunmetitaj kaj eldonitaj. Krom tio ilia prezo estas malalta. En la nunaj cirkonstancoj tio certe estas ankaŭ granda kvalito.

PROZO EL DANAJ - NORVEGAJ AUTOROJ tradukita de H. Th. Thomsen. 64 paĝoj 13 × 19.5 cm. Eldonis 1908. Esperanto - Forlaget, Oslo. Aĉetebla ĉe «Esperanto - eldonejo Agado», Oslo. Prezo: Norv. Kr. 0.40. — Enhavas fragmentojn el la plej bonaj verkoj de kelkaj konataj kaj norvegaj aŭtoroj. Tiun ĉi agrablan legaĵon ni rekomendas al niaj samideanoj.

MIRAKLAJ AVENTUROJ DE SINJORO LONGKRURULO. — Rime verkita kaj eldonita de Dreves Uitterdijk L. K., Domo «Zamenhof», Hilversum (Holando). Kun 152 bildoj kaj 162 strofoj. Rekomendata de la Esperanto Literatura Asocio. 76 paĝoj albuma formato 26 × 17.5 cm. — Prezo: Sv. Fr. 3 00. — Tiu mirakla kaj amuza historio, kiun precipe ŝatos niaj junuloj - Esperantistoj estas verkita en simplaj versoj kun ne tre komplikaj rimoj, por kiuj la aŭtoro multe uzas la gramatikajn finaĵojn kaj la sufiksojn. La libro entute sin prezentas bone.

KUZETO. — Scena bagatelaĵo en unu akto, de M. Balucki. El la pola lingvo tradukis: S. Grenkamp. 16 paĝoj 13 × 18 cm. Eldonis: «Esperantista Voĉo», Jaslo (Polujo). Prezo: Fr. fr. 1.25. — Amuza teatraĵeto, bonega tradukita de nia pola samideano Grenkamp.

KIEL MORTIS LA UNUAJ KRISTANOJ, de I. J. Kraszewski (Eltiraĵo el «Chrétienne»). Tradukita de Em. Robert. 32 paĝoj 10 × 15 cm. Eldonis: Espero Katolika, 55, rue de Vaugirard, Paris VIe. Prezo Fr. fr. 1.50. — Kortuŝa letero de Julio Flavia al sia amiko Kajo Macero pri la heroa morto de Kristana Sabino, en Romo. Tiu peco similas al la tutmonda konata «Fabiola». La nomo de la lerta tradukinto garantias fundamentan Esperantaĵon.

KIO ESTAS OOMOTO. — Tradukita en Esperanto de T. Juri. 58 paĝoj 12.5 × 18 cm. Eldonis 1926: Oomoto Propaganda Oficejo, Tenseiŝa, Kameoka Kioto-fu, Japanujo. Prezo: Sv. fr. 0.60.

RAPIDO. — Esperanto - Stenografio laŭ la oficiala germana unueca sistemo. Verkita de Karp Wallon. 32 paĝoj 15 × 21 cm. Komuna eldono de H. Apitz, Stenographie Verlag, kaj Ellersiek kaj Borel, Berlin 1927. Prezo: Rmk. 1.—.

LA KARTO MISTERA de Cleveland Moffett, alfarita kaj tradukita de Edward S. Payson. 44 paĝoj 10 × 16 cm. Eldonis 1927: Brita Esperanto Association. Prezo: ŝil. 1/—. Tiu amerikana rakonto estas belege tradukita de Edward Payson, kiu cetere jam liveris al la Esperantistaro kelkajn belajn specimenojn el la literaturo de sia lando. La legemaj samideanoj ŝatos ĉi tiun novan libreton.

NOVAJ HOMOJ, NOVAJ VOJOJ. Broŝuro prezentita al la 18a Tutmonda Kongreso de Esperanto en Edinburgo en Aŭgusto 1926 de la Centra Cionista Organizo. Eldonis Keren Hayesod, Ltd., 75 Great Russell Street, London W. C. 1. 32 paĝoj 15.5 × 25 cm. — Prezo: nemontrita. — La ilustrita broŝuro donas ĝeneralan pririgardon de la Hebrea movado en Palestino. Pli speciale ĝi pritraktas la laboron en la Valo de Ezdralon.

ŜLOSILO DE ESPERANTO EN JUDA LINGVO. — Laŭ la iniciato de Int. Centra Kom. de la Esp. Movado eldonita de J. Sapiro, Lipowa, 33, Bialystok (Polujo). Traduko de I. Lejzerowicz, L. K., redaktita de la eldoninto. 44 paĝoj kaj kovrilo. Prezo 0.20 sv. fr. aŭ egalvaloro.

DIBUK (Inter du Mondoj) de S. An-Ski (S. Z. Rappoport Teatraĵo en ok aktoj). El juda lingvo tradukis Izrael Lejzerowicz, L. K. Volumo I de «Bilbioteko Beletristika», Eldonita de J. Alfus, Krakow XXII, Al. Dembowskiego 10 (Pollando). 1927. 90 paĝoj 13 × 18 cm. Prezo sv. fr. 0.70. Bona traduko de la fame konata tipa hebrea teatraĵo, kiun ludis en multaj landoj en Eŭropo kaj Ameriko Moskva kaj Vilna artistaroj. «Dibuk», laŭ hebrea legendo, signifas malbonulon, kiu puniĝis ne trovi ripozon post sia morto, sed vagi en fremda korpo. Laŭ la aŭtoro ĝi estas anima kunfandiĝo de mortinto kun sia «destinito» vivanta aŭ kunfandiĝo de du animoj de sin amantaj homoj post kiam ambaŭ ĉesis vivi. La libro enhavas antaŭparolon de Dr Leopold Dreher, L. K. Bedaŭrinde estas, ke la papero de la libro ne estos pli bonkvalita.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

## 18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG-APUD-GENTO

TELEGRAF-ADRESO : "PERFECTA,, GENT

TELEFONO: 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO

CIF AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**

de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**

**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# L. Scheerders-Van Kerchove

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)